

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XX - Nº 253 SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1982

Grupo da gepartoprenantoj en la Nacia Kongreso de Málaga (foto Soler).

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Dos de Mayo, 4 - VALLADOLID-4

REDACTOR-JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moyá
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora y Arana
Pedro Nuez
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz

# ENHAVO





Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Maria Rafaela Urueña Álvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Av. Vicente Mortes
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

José González Suárez
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj:

Cuenta Postal 3.118.078

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H.E.J.S.

Atocha, 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# RAPORTO PRI LA XLII.ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




**La prezida tablo dum la Solena Inaŭguro (Foto S. Docal).**

Málaga, ĉefurbo de la «Sun-marbordo», estis sidejo de la ĉi-jara kongreso de la hispana Esperantista Movado. De la 16-a ĝis la 21-a julio, aro da hispanaj E-aktivuloj, kune kun kelkaj eksterlandaj vizitantoj, alternigis la laboron favore al Internacia Lingvo kun la ĝuado de belveteraj someraj tagoj de tiu turisma regiono de nia lando. Jen priskribo de la kongresaj programeroj:

La 16-a, vespere, okazis du ĉiukongresaj, kvazaŭ ritaj programeroj: la disdonado de la kongresa dokumentaro kaj la Interkona Vespero. La taglibro de iu samideano (Adonis G. Meana) kies kongresaj notoj utilis al mi por la ellaborado de ĉi-tiu raporto, priskribas tiele tiujn ceremoniojn de la E-kongresa liturgio:

Akurate je la 18-a horo ni alvenis en la Kongresejon, kie, post ricevo de la kongresa dokumentaro, ni jam komencis saluti gekonatulojn: manpremojn, ĉirkaŭbrakojn, k.s. Ekregis tuj la nepriskribebla kongresa etoso, tia sincera sentelmontra amikeco, kiu neelteneble ŝpruĉas kiam geesperantistoj renkontiĝas post unujara izoleco en siaj respektivaj loĝlokoj.

Je la 21-a horo, pliintensiĝis tiu etoso per la Interkona Vespero, kiu okazis en la Kultura Centro de G.F.U. (Granda Universala Frateco), kie la Malaga E-Grupo havas sian sidejon. Tiu ĉi programero ne bezonas priskribon, ĉar ja ĉiu (kiu iam vizitis Kongreson) bone konas ĝin.

Sekvinta tago, la 17-a, je la 9,30 matene okazis kunsido de la HEF-estraro kun delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj: informado fare de la delegitoj, interŝanĝo de opinioj kun la HEF-estraro...

Je la 12-a horo, alia liturgiaĵo de la kongresoj de Esperanto: la Solena Malfermo. Sub la prezido de aŭtoritatuloj kaj HEF-gvidantoj, venis kiel



**La prezidantino de HEF alparolas la gekongresanojn (Foto Soler).**

kutime, la salutado al la Kongreso nome de la reprezentitaj Grupoj tra la hispana geografio, kaj ankaŭ fare de iuj eksterlandanoj (C. Fighiera, Italio; Ada Sikorska, Pollando; S-ro. Pradao, Portugalio; S-ro. Sevilla, Francujo). Kaj kiel tradicie sekvis la kuraĝigaj vortoj far de aŭtoritatuloj. La GFU-Prezidanto laŭdis la E-Movadon, kiu samkiel G.F.U. celas interfratiĝon de la Homaro.

Poste, kaj la sekvintaj tagoj, okazis la laborkunsidoj. Inter ili estas menciinda iu dutaga kunsido de membroj de L.O.K. de okazintaj kaj okazontaj kongresoj por pristudi surbaze de ĉies sperto normojn por estontaj E-kongresoj.

Alia grava laborkunsido estis la «Simpozio pri la Instruado de Esperanto» prezidita de S-ro. J. Regulo Perez. La fakuloj pri lingvoinstruado eksponis sian sperton pri la lernigado de la Internacia Lingvo. Estis tre interesaj la intervenoj de S-ro. Martín, Camacho, Fdez. Jurado, Manuel Ramírez, Miguel Angel Sancho, kaj, kompreneble, S-ro. Zaragoza de ILEI. Ĉiuj-ĉi raportis pri sia sperto en la E-kursoj de ili gviditaj en siaj respektivaj loĝlokoj. S-ro. Regulo inter alie rekomendis bone regi la lingvon por ĝin instrui. Li diris: multaj je la tria leciono jam pretendas eĉ verki en E-o! Nia lingvo estas TRE SERIOZA AFERO. E-o. estas facila, sed ĝi ja estas lingvo. Oni devas trakti Esperanton kiel lingvon. ABSOLUTE oni regu la lingvon por ĝin instrui ĉar kontaŭe lernantoj enuiĝas kaj forlasas la kursojn; laŭ mia sperto. Tiamaniere oni respektas E-on.

S-ro. Adonis atentigis pri nia malpreteco rilate al alpreno de respondeco pri amasa instruado. Kio okazos, li demandis, se subite oni akceptos proponon por Esperanto en la lernejoj? ĉu ni estas pretaj? ĉu niaj profesiaj E-instruistoj estas kapablaj pri E-o? ĉu ni ne malseriozigos nian eferon?

Tre grava sciigo komunikita en ĉi tiu sesio: baldaŭ ekzistos en Hispanio propra metodo por instruado de Esperanto. S-ro. Fighiera informis pri eldonota nova lernolibro. Resumis la kunsidon S-ro. Regulo dirante: NI KLOPODU SERIOZIGI NIAN LINGVON, PERFEKTIGI NIN. E-o estu lingvo, ne bagatelaĵo. La Simpozio estis tre utila, pozitiva.

Kiel ĉiu-Kongrese, okazis la jara Ĝenerala Asembleo de H.E.F. Estis aprobitaj la informoj de la Sekretario, Kasistino kaj respondeculo de la Libro-servo. La HEF-Prezidantino, Rafaela Urueña eksponis la neceson elekti novan HEF-estraron; ŝi informis pri la ne-ebleco daŭrigi la taskon iuj el la nunaj gvidantoj. La Asembleo decidis ke la diversaj E-Grupoj dum la sekvonta jara periodo respondece pristudu alternativon kaj prikonsideru la eblecon alpreni la estrarajn taskojn.

En tiu-ĉi kongreso estis novaĵo la programero titolita «Simpozio pri Fakaj Sekcioj». Intervenis en ĝi perantoj de HEJS, ILEI, HEFA kaj HEA (MEM). S-ro. Miguel Angel Sancho (HEJS) insistis pri la ekonomiaj bezonoj de tiu junulara organizaĵo kaj informis pri sukcese organizita ten-




**S-ro Andrés Martín, Prezidanto de L.K.K. prelegas.**

daro en Logroño kaj pri projekto de estonta tendaro en Gandia. S-ro. Jiménez Feliu (Hisp. E. Fervojista Asocio) faris historian skizon de tiu faka organizaĵo; li priskribis la laboron kaj la planojn de tiuj esperantistoj kies aktivado konkretiĝas en tiu labora tereno de la fervojista profesio kie la I. Lingvo havas specialajn eblecojn por sia diskonigo. S-ro. Zaragoza (de Internacia Ligo de E. Instruistoj) raportis pri la intensa aktivado de tiu grava rondo de nia landa E-Movado. Kiel ĉiam, estas en preparo novaj kursoj kiuj senĉese pligrandigos niajn vicojn per gejunuloj kiuj reprezentas la proksiman estonton de nia landa E-Movado. Kaj laste, F. Castaño (de la hispana sekcio de MONDPACA ESPERANTISTA MOVADO) legis dokumenton de tiu pacisma asocio pri kies enhavo oni temos poste.

Krom la priskribitaj labor-sesioj, okazis ankaŭ du prelegoj; unu estis de S-ro. Martin, la Prezidanto de la Loka O.K.K. Ĝi temis pri la lingvaj kapabloj de Esperanto. Tiu-ĉi prelego kaj la Simpozio pri Instruado jam menciita konstituis dediĉon de nia kongreso al la lingvaj aspektoj de Esperanto kaj al ties disvastigo. La HEF-Asembleo kaj aliaj kunsidoj ankaŭ priskribitaj en ĉi tiu raporto estas esprimo de la kongresa dediĉo al la organizaj kaj organikaj problemoj de nia Movado. Sed la Esperantista Movado estas ankaŭ projekto kaj realigo de plano por interfratiĝo de la Homaro. Tio kion nia L.L. Zamenhof nomis «Interna Ideo de Esperanto»; kaj ankaŭ tiuj ideologiaj aspektoj de nia afero estis atentitaj de la ĉi-jara Kongreso. Tiurilate estas menciinda la alia konferenco, tiu de Giordano Moya titolita «Esperan-



**F-ino María Teresa García de Cándido gitarludante.**

to kiel historia faktoro». Ĝi estis interesplena prelego (cetere kiel ĉiuj el la sama fonto) pri la problemoj de la monda paco ĝenerale kaj de nia Movado konkrete. Analizinte majstre la stagniĝon de nia Movado li faris la demandon: Kion fari? kiu vekis la opiniojn kaj demandojn far de la publiko per vigla kolokvo.

Iamaniere la temo de la dokumento legita de la MEM-aktivulo en la last-taga Simpozio, jam menciita, kontaktis kun la polemiko de la prelego-kolokvo ĉar temis pri la problemoj de la monda paco kaj ambaŭ esprimis pri ĝi malsaman konceptadon (vidu la materialojn de la Kongreso). La ĉeestantoj de ambaŭ sesioj sekvis kun intereso la pridiskutadon de tiu grava temo de nia tempo.

Alitipaj programeroj de ĉiu kongreso estas la ekskurso kaj amuzaĵoj. En tiu de Málaga estis menciinda: Muzik-koncerto fare de F-ino **María Teresa García de Cándido**, juna gitarludistino deknaŭ jaraĝa, kiu nuntempe lernas la Superan Instruadon pri gitaro en la Konservatorio de Málaga. Ŝi ravis la esperantistan publikon per sia majstra gitarludado. Sekve, la tuta ĉeestantaro ĝuis vidante la tipajn andaluziajn dancojn.

Alian tagon kaj en la salono de la sidejo de «Colegio de Doctores y Licenciados» grupo de gejunuloj de la Esperanto-Grupo de Málaga, ludis du esperantajn teatraĵetojn kiuj plezurigis ĉiujn.

La tuttaga ekskurso tra kelkaj urbetoj de la Suna Marbordo estis bone organizata, kaj permesis al la gekongresanoj konatiĝi kun tiu parto de la Malaga provinco tiel ŝatata de la turistoj.



**Málaga gejunuloj kiuj ludis teatraĵon (Foto Soler)**

Dimanĉe post la vizito al la urbo kaj al alkazabo (antikva araba kastelo), la kongresanaro povis partopreni meson en Málaga preĝejo. Ĉar la diservo estis ne nur por la esperantistoj sed por tutpopola personaro, ĝi estis duone en Esperanto kaj duone en hispana lingvo.

Krom la oficiala bankedo restas nur mencii la Solenan Fermon de la Kongreso. En ĝi okazis la disdonado de diplomoj kaj trofeoj aljuĝitaj de Hisp. Sekcio de ILEI al premiitoj de Ŝerco-Konkurso, al sukcesintoj de E-ekzameno kaj la premio Klara Zilbernik.

La amaskomunikiloj iom informis pri nia kongreso: la 19-a okazis intervjuo ĉe SER kun eksterlandaj geesperantistoj; tradukis S-ino. Urueña. Ĉiuj ĵurnaloj aperigis dum la semajno artikolojn pri la Kongreso.

Oni devas substreki ke ne estis multenombra la partoprenantaro de la Kongreso, tio respegulas la ekonomiajn malfacilaĵojn kiujn nia lando suferas nuntempe, des pli kiam la kongreso okazas, kiel ĉi-foje, malproksime de la esperantistaj centroj de nia lando. Sed la ĉeestantoj per sia penlaboro kaj la organizantoj per sia sindediĉo atingis ke tiu-ĉi kongreso digne staru en la listo de ĉiuj okazintaj en nia lando. Ke tiu listo seninterrompe sekvu ĝis la plendisvastigo de nia lingvo kaj nia ideo.



**S-anoj Otaola, Gamboa kaj Zaragoza ripozas post la vizito al la Alkazaba (Foto López Serna).**

FAUSTINO CASTAÑO VALLINA

# 43-a Hispana Kongreso de Esperanto

Okazonta en ZARAGOZA de la 21-a ĝis la 25-a de julio 1983-a La Kongreso okazos en la kadro de la festaranĝoj organizataj de la Esperanto-Grupo «Frateco» por memorigi la 75-an datrevenon de sia fondiĝo.

La programo, tre alloga antaŭvidas: Interesajn prelegojn; gravan filatelan ekspozicion; belajn ekskursojn; artajn aranĝojn; k.t.p.

La ĉefa temo de la kongreso estos: **Komunikado**.

Adreso de la Kongreso: 43-a Hispana Kongreso de Esperanto
San Vicente de Paul, 1, ent.
ZARAGOZA-1 (HISPANIO)

Konto de la Kongreso: Congreso de Esperanto. Cuenta nº 2.784-81 ĉe Caja de Ahorros de Zaragoza, Aragón y Rioja; Agencia 7 ZARAGOZA. La Organiza Kongres-komitato eldonis belan informan bultenon pri la Kongreso, kiu estis disdonita dum la Kongreso en Málaga al la ĉeestantoj. Tiuj kiuj ne posedas ĝin, b.v. petu senpagan ekzempleron al la adreso de la Kongreso.

# H.E.J.S.

## (Junulara Sekcio de H.E.F.)

Antaŭlonge H.E.F. proponis al ni ĉi tiun paĝon kiel intermembran komunikilon de HEJS. Ĝis nun ni ĝin profitis okaze nur de specialaj eventoj t.e. informado pri tendaroj. Tamen ni deziras ĝin reguligi por ke ĝi fariĝu spegulo de nia agado, ne nur por niaj asocianoj sed ankaŭ por la cetera hispana Esperanto-movado. Tiu ĉi pago iĝos nia informbulteneto.

## ANTAŬ TRI JAROJ

Antaŭ tri jaroj, en 1979, nia junulara movado ne funkciis, la antaŭa estraro kun sidejo en Sabadell ne sukcesis daŭrigi la agadon kaj la junulara sekcio «mortis». Dum la kongreso en Madrido (julio 1980) kelkaj gekongresanoj deziras renovigi la organizadon de HEJS kaj demandis volontulojn por estri la sekcion kaj reorganizi ĝin.

Ili ne trovis multajn volontulojn sed sufiĉajn por fari estraron. Tiuj gejunuloj estis el Barcelono, Logroño, Murcio kaj Valencio.

Kiam la sekcio ekfunkciis, ĝiaj unuaj taskoj estis komenci rilatojn kun: eksterlandaj kaj internaciaj organizoj kiel TEJO; revuoj kiel KONCIZE, (kie oni publikis regule novaĵojn pri nia junulara movado), kaj kompreneble, serĉi geanojn kaj inter tiuj geanoj trovi volontulojn por disvastigi nian junularan movadon kaj nian internacian lingvon inter la junularo de Hispanujo.

Ni havis grandan sukceson kaj formis la bazon de la nuna HEJS.

Finfine ni trovis kunlaborantojn kaj la junulara sekcio funkciis pli bone. Jam reorganizitaj la bazoj, nia organizo superis la unuan etapon kaj prenis novan vojon.

Dum la pasinta tendaro en Logroño (Aprilo 1982) oni ŝanĝis la HEJS-estraron, pere de novaj kunlaborantoj, kiuj havas multajn esperojn.

Ni deziras ke la nuna sukceso de HEJS estos daŭrigota kaj ke ili plialtigos la nivelon de la antaŭa estraro.

Ni gratulas al la HEJS-geanoj por elekti s-anon M. Sancho kiel prezidanton ĉar ni opinias ke li estas persono kapabla por plialtigi la sukceson de HEJS.

**Jordi Ferré i Martínez**

**42-a Hispana Esperanto-Kongreso**. La partopreno de HEJS en tiu jara okazaĵo malenuigis la ĉeestantojn kaj konigis nian agadon.

Ni propagandis la venontan tendaron en Gandia (Esperanto-Oazo) kaj kaptis novajn membrojn por la sekcio. Estis bonvenataj mondonacoj el diversaj kongresanoj kaj estiĝis tri novaj delegitoj.

Inter la celoj atingitaj en la Malaga-kongreso ni nomu la rezolucion per kiu oni petas de la tuta hispana esperantistaro, ke ĝi helpu mone kaj morale HEJS. La venonta Kongreso starigos specialan kotizon por la gejunulojn. La L.K.K. promesis ankaŭ okupiĝi pri la serĉado de malmultekostaj loĝejoj.

**Venonta HEJS-Tendaro**. La 7-a HEJS-Tendaro okazos en «Esperanto-Oazo (Gandia)» organizita de s-ro Aquiles Sanz. Post iom da tempo (malmulte) oni informos vin pri tiu evento.

**Grava informo**. Grupoj kaj interesuloj prenu krajonon kaj notu la novan adreson de nia sidejo:

HISPANA ESPERANTO JUNULARA SEKCIO
Strato, Atocha, 98, 4º
MADRID-12 T.no (91) 230 87 98

Ni inaŭguris oficiale nian oficejon, kiun ni mem aranĝis. Ĝi estas sufiĉe bela ĉambro pruntedonita de Madrida Esperanto-Liceo. Kompreneble ĉiuj estas invititaj viziti ĝin.

ZORGU PRI HEJS, VI CERTIGAS LA ESTONTECON
Sendu viajn mondonacojn al la ĉi suba bankonto:
Caja de Ahorros y Monte de Piedad de Madrid
Atocha, 62 - Madrid-12
N-ro de bankonto: 10566000342691
Sección Juvenil de la Federación Española de Esperanto.

**Miguel A. Sancho**
**Prezidanto de HEJS**

## Rezulto de la ekzamenoj okazintaj en Málaga dum la Hispana E-Kongreso

**ELEMENTA DIPLOMO**

| | |
|---|---|
| Rodrigo Vaquera | Superelstara |
| Manuel Ramírez | Superelstara |
| Alberto Franco Ramírez | Superelstara |
| Juan de Dios Montoto | Bona |
| Jesús García Martínez | Bona |
| José Pavón Arreciado | Tre Bona |

**SUPERA DIPLOMO**

| | |
|---|---|
| Jorge Camacho Cordón | Tre Bona |
| Francisco J. Moleón | Tre Bona |
| Rodrigo Vaquera | Bona |
| Manuel Ramírez | Bona |
| Alberto Franco Ramírez | Bona |

# GRAVA INFORMO

La ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, S-ro Azcuénaga sciigas nin pri la jenaj kotizoj por la venonta jaro 1983-a:

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto kun «Esperanto» kaj Jarlibro | 2.000 p-toj |
| Membro kun Jarlibro | 800 " |
| Simpla abono por revuo «Esperanto» | 1.200 " |
| Abono por junulara revuo «Kontakto» | 600 " |
| Abono por revuo «Literatura Foiro» | 950 " |
| Abono por revuo «Planlingvistiko» | 600 " |
| Samtempa abono por tiuj du lastaj | 1.450 " |

Pliajn informojn, petu al S-ro Juan Azcuénaga Vierna, Calle Gral Dávila, 127, portal 7, 2º iz. SANTANDER.

# GRAVAJ ESPERANTISTAJ AKTIVAĴOJ EN GIJON



La stando de Astura E-Asocio (Foto S. Mulas).

Lasttempe niaj aktivaĵoj estis pli intensaj kaj pli gravaj, ol iam antaŭe. Dank'al privilegia nuna emeriteco de nia estrarano Julio Argüelles, kio permesas al li pli multe labori por Esperanto, li senlace kaj sindoneme plenumis ĉiun necesan demarŝon por realigi la eventoj pri kiuj ni ĉi-sube raportas.

En Majo ni sukcesis interesigi pri eklerno de Esperanto dekduon da lernantinoj de la Lernejo por Stevardinoj «FORMATIK», en nia urbo, kun la favora aprobo de ties Direktoro. Tiam, oni speciale preparadis stevardinojn cele al deĵorado ĉe «PANORAMO ASTURIO-82-a», okazonta paralele al la Monda Futbala Konkurso. Do, ni estis devigataj improvizi rapidan kurson por instrui Esperanton al tiuj interesulinoj, ĉar krome, ni disponis nur je kvin lundoj po tri horoj por nia laboro. La kurso kontentige finiĝis kaj la lernantinoj, kvankam kompreneble ne ellernis nian ligvon, bone akiris la necesajn elementojn pri gramatiko, vortfarado kaj ĝenerala funkciado de Esperanto. Kaj ĉiuj promesis ellerni Esperanton per partopreno en unu el niaj kursoj de la lernojaro 1982-a 83-a.

La plej grava evento estis, ne dubeble, la ĉeesto de nia Asocio en la regiona Specimenfoiro «PANORAMO ASTURIO-82-a» kiu okazis de la 12-a ĝis la 17-a de junio. Kiel sciate PANORAMO ASTURIO 82-a estis organizata paralele al la eventoj de la Futbala Monda Konkurso kaj ni atingis de la direkcio de la Specimenfoiro, ke oni disponigu al nia Asocio standon por informi kaj propagandi pri Esperanto, samtempe ni proponis niajn servojn nepagotajn kiel interpretantoj al eblaj esperantistoj, kiuj vizitus la foiron. Dum dekses tagoj ni sen-

lace deĵoris en nia stando, informante pri Esperanto kaj klarigante aŭ respondante ĉies demandojn. Miloj kaj miloj da personoj vizitis la standon, ne nur tiuj kiuj tute ne sciis eĉ kio estas esperanto (ĉu estas io «manĝebla» aŭ similaĵo?) aŭ tiuj kiuj havis fortajn antaŭjuĝojn kontraŭ ĝi, sed ankaŭ kiuj havis misan opinion pri ĝi.

Ni sukcesis detale informi ĉiujn, per disdonado de miloj da informfolioj kiujn ni ricevis de H.E.F. La unuaj jam scias «kio» vere estas Esperanto; el la aliaj ni sukcesis forigi antaŭjuĝojn kaj la lastaj jam havas ĝustan opinion pri nia lingvo. Sed, kio plej gravas estas la fakto ke ni sukcesis interesigi pri ellerno de Esperanto multajn personojn. Ofte, ni eĉ improvizadis duonhoran kurseton en nia stando kaj informis pri la dekses reguloj de nia gramatiko, pri la finaĵoj kaj la reguleco de niaj verboj, samkiel pri vortfarado.

La stando estis ornamita per afiŝoj pri hispanaj kaj alilandaj kongresoj, per vitrinoj kun bildkartoj, kovertoj kaj filatelaĵoj; en oportuna montrotablo estis eksponiciataj specimenoj el la plej gravaj verkoj de la monda literaturo («Don Quijote», «La Luzidoj», «La Naŭzo» k.t.p.) tradukita en esperanton, samkiel specimenoj el nia originala verkaro.

La loka kaj provinca radiostacioj, kiuj mem disponis je standoj en «PANORAMO» disaŭdigis informojn pri nia stando, kaj intervjuojn kun ties deĵorantoj; la loka ĵurnalo «El Comercio» publikigis intervjuon kun la Prezidantino de Hispana Esperanto-Federacio, kiu vizitis la Specimenfoiron, kun foto pri la stando super kiu flirtadis nia flago, videbla el ĉiuj anguloj de la Specimenfoirejo.

Alia grava atingo de nia Asocio estas publikigo, fare de la urba komisiono pri turismo, de esperanta folieto pri Gijón, folieto kiun oni aldonis al aliaj informfolioj, kiujn arte aranĝitaj en speciala kartoneca ujo, oni disdonadis al fremduloj kaj eksterlandanoj. (Pri tiuj folietoj ni bedaŭras tri/kvar fuŝaĵojn faritajn de la presejo, malgraŭ nia kontrolo de la presprovaĵo).

Por ke nia laborado dum la menciita «PANORAMO» estu plene fruktodona ni ne devas «ripozi sur niaj laŭroj». Sukceson ni plene atingis en informado kaj forigado de miskomprenoj kaj antaŭjuĝoj, sed tio ne sufiĉas. Ni devas senripoze strebi antaŭen.

ADONIS



**La Prezidantino de HEF parolas kun la Prezidanto de Astura E-Asocio (Foto S. Mulas).**

# Raporto pri la agado de Hispana Es
# 1-an de julio 1981-a gis la 30-an de ju

Denove, kaj okaze de la Nacia Kongreso, mi prezentas al via konsidero la raporton pri la laboro farita de la estraro de H.E.F. dum la periodo supre menciita.

Kiel, siatempe, ni informis pere de «BOLETIN», la 41-a Hispana Esperanto-Kongreso okazinta en Murcia vere sukcesis; ni substrekas la eldonon de bela libro pri Murcio kaj ĝia regiono, eldonita de la Regiona Konsilantaro, kaj kies beleco meritis la laŭdojn de ĉiu kiu havis la eblecon koni ĝin.

Inter la diversaj programeroj, ni speciale mencios la du prelegojn kaj la artajn aranĝojn partoprenitajn de Pola Esperanto-Teatro kaj de la svisa kantisto O. Tzaut.

Dum la Ĝenerala Kunsido de H.E.F. oni proponis altigi la kotizojn en la kategorioj de «Simpla Membro» kaj «Helpo Membro» de la Federacio; tiu altigo estis akceptita kaj grandigita. Fine, mi devas mencii la ampleksajn informojn aperitajn en la diversaj ĵurnaloj de la murcia regiono okaze de la Kongreso.

La Universalan Kongreson okazintan en Brazilio ĉeestis 10 hispanaj gesamideanoj.

La 26-an kaj 27-an de Septembro okazis en Moyá (Barcelona) la 23-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo kaj en ĝi partoprenis la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F.

La oficiala organo de H.E.F. «BOLETIN» aperas sufiĉe regule kaj la nombro de ĝiaj kunlaborantoj kreskis, kaj ni emfazas ke denove la akademiano Fernando de Diego kunlaboras.

La junulara sekcio (H.E.J.S.) aranĝis sukcesan tendaron en Logroño kaj en ĝi estis elektita kiel nova Prezidanto de la Sekcio, S-ro Miguel Angel Sancho de Madrid.

La hispana sekcio de I.L.E.I., kun kiu H.E.F., daŭre kunlaboras, aperigas monatan bultenèton nomitan; «Sulko», speciale dediĉatan al la lernejoj kie oni instruas esperanton; por helpi ĝian agadon, H.E.F. sendis al tiu sekcio malgrandan subvencion.

La Hispana Esperantista Fervojista Asocio (H.E.F.A.) daŭrigis siajn aktivaĵojn kaj partoprenis en diversaj Kongresoj kaj Renkontiĝoj inter ili en la I.F.E.F. Kongreso okazinta en Balatonfüred (Hungarujo).

La vendado de libroj kaj esperantaĵoj ege kreskis, kaj al tio kontribuis, krom la ordinara vendsistemo, la fakton ke Libro-Servo de H.E.F. sendis, laŭ peto de kelkaj Grupoj, librojn okaze de specialaj aranĝoj.

La Turisma Sekcio eldonis pasintjare Dulingvan Frazaron, kiu atingis premion de Monda Turismo.

Kun la celo kreskigi la kulturajn aktivaĵojn en Valladolid, nuna sidejo de H.E.F., kaj per persona invito de la Prezidantino, vizitis la urbon S-ino Ada Fighiera-Sikorska, redaktorino de la prestiĝa esperantista periodaĵo «Heroldo de Esperanto», kiu prelegis pri «Henry Sienkiewicz, aŭtoro de Quo Vadis»? S-ro Lech Kosieniak, ĵurnalisto en katolika pola revuo, kiu prelegis pri «La Katolika vivo en Pollando» kaj S-ino Tamiko Kaŭakami Nielsen, japanino loĝanta en Norvegio, kiu prelegis pri «Kutimoj kaj tradicioj de Japanio».

Konsciante pri la graveco de la kulturaj aranĝoj, kaj profitante la ĝentilan pruntedonon fare de la Norvega Esperantista Ligo, oni projekciis du interesajn filmojn en esperanto pri Norvegujo, ne nur dum la pasintjara Kongreso en Murcia, sed

# Esperanto-Federacio de la periodo junio 1982-a

en ĉiu grupo kiu, siatempe, petis la filmojn.

La 27-an de Junio ĉijare, kaj en la sidejo de H.E.F. en Valladolid. S-ro Fernández Arroyo projekciis sian unuan filmon de la serio «Esperanto Vojaĝas».

Esperanto plu vekas intereson en ĉiu amasmedio, kaj bona pruvo estas ke la ekologia revuo «Integral» regule aperigas informojn pri Esperanto, kaj ni reliefigas la numeron 29-an de la nuna jaro, en kiu, krom dupaĝa artikolo pri la Internacia Lingvo, oni publikigis la adreson de ĉiu Esperanto-Grupo kaj sekcio ekzistanta en la Lando, kiun H.E.F. sendis laŭ peto de la redakcio de la menciita revuo. La nova revuo «Petete», eduka kaj instrua revuo en hispana lingvo, por infanoj, ankaŭ aperigas en ĉiu numero vortaron en dek lingvoj, inter ili Esperanto.

En la kadro de la radio, ni mencios la semajnan programon pri Esperanto kiun kadre de la «Vespera Klubo» en Radio Valladolid, kaj pro afabla invito de la direktoro de la programo, gvidas, helpate de aliaj gesamideanoj, la Prezidantino kaj la Vicprezidanto de H.E.F. Tiun-ĉi programon oni atingis post 45 minuta intervjuo al S-ino Fighiera, okaze de ŝia vizito al Valladolid.

Kun la celo pritrakti la kongresajn aranĝojn, la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. vojaĝis al Málaga, kie ili kunsidis kun la Prezidanto kaj la Sekretario de la Organiza Komitato.

Kiel jam menciite en la pasinta jaro, la eldono de nova adresaro kaj regularo de H.E.F. estas jam realaĵo kaj ni esperas disdoni ĝin al la membroj en la venontaj monatoj.

Profitante la okazigon, en nia Lando, de la Tutmonda Futbal Konkurso «España 82» (Hispanujo 82-a) kaj konsciante pri la rolo kiun esperanto povus ludi en ĝi, la estraro de H.E.F. sendis specialan cirkuleron el ĉiu E-grupoj en kies urboj okazos futbal-maĉoj por sugesti ke ili agu kaj propagandu esperanton laŭ siaj eblecoj. La respondo de la Grupoj estis eksterordinare bona, kaj krom la starigo de informaj oficejoj, ni devas emfazi la eldonon fare de RENFE, laŭ peto de H.E.F.A., de aldona broŝuro en Esperanto pri la vojaĝeblecoj trajne; la instruadon de Esperanto al profesiaj stervadinoj kaj la starigon en Gijón, en la kadro de la Foiro «Asturias 82» (Asturio 82-a) de bela stando kie, dank'al la malavareco de la direkcio, la asturiaj gesamideanoj povis montri afiŝojn, bildkartojn, filatelaĵojn kaj diversajn librojn, kiujn pro la oportuno pruntedonis libro-servo de H.E.F.

Ankaŭ kaj en la kadro de la aranĝoj organizitaj okaze de la Tutmonda Futbalĉampioneco, la estraro de H.E.F. apogis de la unua momento, la ideon okazigi Internacian Sportsimpozion en la Moderna Socio, pri kies sukceso ni estas certaj.

Nun finiĝas nia kvarjara periodo de estrareco kaj, pro diversaj kaŭzoj, ni devas peti ke aliaj ekprenu la torĉon en la gvidado de la Federacio. Laŭ niaj modestaj eblecoj, kaj kun la helpo de ĉiu bonvolema esperantisto ni klopodis labori por la esperanta idealo kresku en nia Lando kaj por ke la nomo de H.E.F. estu pli vaste kaj bone konata en la tuta mondo.

Valladolid, 30-an de Junio 1982-a

LA SEKRETARIO
Luis Hernández

# La 67-a Universala Kongreso de Esperanto, bone sukcesis




**Enirejo al la Kongresejo (Foto A. Fighiera).**

Ĉiujare la tutmonda esperantistaro havas eblecon partopreni en pluraj naciaj kaj internaciaj E-Kongresoj, sed la plej multnombra kaj grava Kongreso estas tiu organizata de la Universala E-Asocio, kie ĉiu konscia esperantisto, kiu deziras aktive partopreni en la esperantista agado kaj kontakti kun la aktivuloj de la movado, devas partopreni en ĝi, aŭ almenaŭ fari la eblon.

Denove post 54 jaroj, la flandra urbo Antverpeno fariĝis dum la tagoj 24-a ĝis la 31-a de julio, kunvenejo de la tutmonda esperantistaro. Tie, 1.884 gekongre-

sanoj el 50 landoj interkompreniĝis kaj interamikiĝis per unu sola lingvo: La Internacia Lingvo Esperanto.

La kongresa programo estas vere ampleksa kaj varia, kaj kompreneble estas tute neeble partopreni en ĉiu programero, ĉar pluraj okazas samtempe kaj ĉijare la L.K.K. organizis tiel grandan kvanton da ekskursoj por ke ni konu tiun parton de Belgujo nomata Flandrio, ke ĝi malfaciligis nian aleston al aliaj kunvenoj, des pli ke ĉijare, kvankam en Antverpeno estas la Grafika Centro de U.E.A., ni ne ricevis la kongresan libron unu monaton antaŭ la ekveturo al la kongresurbo kiel kutime okazas.

Alvenante vagonare al Antverpeno kaj elirante el la Centra Stacidomo, oni trovas maldekstre la Zoologian Ĝardenon kaj tuj apude la kongresejon. Bedaŭrinde la manko de flagoj antaŭ la ĉefa enirejo kaj la miksiteco de la kongresa tabulo kun aliaj, malhelpis tuj vidi ĝin. Tamen, tio ne estis grava problemo por la esperantistoj, sed pli bone por la ekstera publiko kiu vere ne povis ekscii ke tie okazas Universala Kongreso de Esperanto.

Interne, la diversaj giĉetoj estis bone zorgata de belgaj geesperantistoj, plej parte flandraj, kiuj ĉiumomente kapablis solvi ĉian problemon al la gekongresanoj. Libro-Servo zorgata de «Sonorilo» estis tre vizitata kaj pluraj konataj aŭtoroj subskribis siajn verkojn. Notinde estas ke la poŝtbudo kie oni vendis la kongresan poŝtmarkon kaj oni stampis ĉiun korespondaĵon per memoriga stampilo, funkciadis gvidate de poŝtistoj kiuj bone parolis Esperanton, kio faciligis la rapidecon kaj evitis la longajn vicoj kiuj fariĝis en pasintaj U.K.

La hungaraj samideanoj bone zorgis la standon pri la venonta U.K. disdonante milojn da belaj turismaj broŝuroj en esperanto pri la Lando kaj pri la ĉefurbo kaj akceptante la unuajn aliĝilojn. Tiu komenco estas bona antaŭsigno, laŭ mia opinio, por sukcesa Kongreso.

La kongresa emblemo permesis, krom la senpaga eniro en tiuj programerojn ne aparte pagendajn, la liberan eniron en la Zooĝardenon kaj tiel ĝui la belajn instalaĵojn.



**La aŭtoroj subskribas siajn librojn (Foto A. Fighiera).**

La Interkona Vespero okazinta en Salono Hodler, pro manko de spaco, ĉar estis multaj gekongresanoj kiuj deziris partopreni ĝin, ne sukcesis plenumi sian rolon; la interkonatiĝo inter la diversnaciaj gekongresanoj. Tamen, la Londona Esperanto Koruso kantante divespopularajn kantojn en Esperanto amuzis la tutan ĉeestantaron.

Prezidate de S-ro Maertens, Prezidanto de U.E.A., okazis en Salono Zamenhof la Solena Inaŭguro de la Kongreso. Akompanis lin sur la podio, la tuta estraro de U.E.A., krom S-ino Grattapablia, kiu pro malsano de sia edzo ne povis veni al la Kongreso; la Prezidanto de T.E.J.O. S-ro Wandel; la Prezidanto de L.K.K. deputito Fernando Piot; Prezidanto de Belga Esperanto-Federacio, S-ro Demonty; Prezidanto de Flandra Esperanto-Ligo S-ro Symoens; Prezidanto de la Valona Esperanto-Asocio kaj aliaj invititoj, inter kiuj estis la gastparolanto M. Masmoudi, tunizia ambasadoro en Unesko, kiu prelegis france pri «La Lingvaj malhelpoj en rilato kun la nova mondskala ordo de informado kaj komunikado». Inter la ĉeestantoj estis disdonita la esperantlingva traduko.

En sia ege intereresa prelego S-ro Masmoudi i. a. diris; «Gravas tamen noti ke se la multeco de lingvoj eble ne ĉiam starigis kulturajn problemojn fundamentajn, ĝi tamen starigas problemojn praktikajn kiam temas pri disvolvadoj scienca kaj teknika»... «Restas ne malpli la fakto ke, ekster la naturaj uzantoj kaj kelkaj

rondoj da erudiciuloj, centoj da milionoj da personoj en multaj partoj de la mondo vidas antaŭ si la malhelpon de lingvo kiun ili ne parolas. Ili spertas esti viktimoj de diskriminacio pro la fakto ke la informado estas donata en la lingvoj kiuj kongruas kun la centro de povo... Efektive, evidentiĝas en certaj studoj ke 3/4 de la popoloj de la planedo esprimas sin en neniu el la ĉefaj lingvoj eŭroporiginaj, nuntempe konsiderataj kiel internaciaj lingvoj. Dume, laŭ supozoj de UNESKO, pli ol 2/3 de la publikigaĵoj en la mondo estas redaktataj en angla, rusa, hispana, germana kaj franca; kaj ĉirkaŭ 60% de la scienca komunikado uzas la anglan, kiu fakte estas la patrina ligvo de nombro de individuoj kiu ne transiras la 10% de la tuta planeda popolo»... «Sur internacia plano tiu malekvilibro kondukas al situacio pli kaj pli komplika en la sino de multnombraj organizoj de la Uno-sistemo kie oni ne sukcesas starigi justecon inter la agnoskitaj internaciaj lingvoj. Dokumentoj de pli ol unu jardeko restas ne akceptitaj kaj ne ekspluatitaj, malgraŭ bonvolo kaj daŭraj klopodoj, pro ilia tradukado».

En la fino de sia parolado li diris: «Nu, la lingvaj baroj estigas daŭran malhelpon al tiuj nemalhaveblaj faktoroj de paco kaj progreso, kaj la malekvilibro inter la ligvoj uzataj sur larĝa internacia skalo ne ĉesas kreski... En tiu kadro la Uno povus ludi eminentan rolon pozitivan, ellaborante la donitaĵojn, objektive kaj profunde analizante la evidentajn problemojn kaj serĉante avangardajn solvojn... Ĝi estas granda provoko kiu manifestas sin en la kadro de la antaŭenigo de komunikado kaj internacia komprenado, kiuj hodiaŭ estas necesegaj al la gardado de la paco tiel akre minacata».

Posttagmeze okazis la jam tradicia «Malfermo» dum kiu salutis la reprezentantoj de la diversaj Landaj Asocioj, inter kiuj, kaj nome de H.E.F. nia Prezidantino, D-rino Urueña.

En la Preĝejo S-ta Jakobo, kie estas entombigita la mondfama flandra pentristo Rubens, okazis S-ta Meso en Esperanto, kiun celebris la helpepiskopo de Varsovio akompanate de sacerdotoj de Belgio, Hungario, Italio, jugoslavio kaj Pollando.

Vespere, kaj en Salono Zamenhof okazis la Nacia Vespero, kiu prezentis al ni kantojn, muzikon kaj dancojn de la gastiganta Lando.

Diversaj kaj interesaj prelegoj okazis en la sino de la I.K.U., sed mi nur ĉeestis tiun de Prof. Carl Stop-Bowitz pri «Bestoj en folkloro kaj arto». En lia interesa kaj bone dokumentita prelego, kiu estis akompanata de taŭgaj diapozitivoj, D-ro Stop Bowitz komencis menciante la eltrovon en Santillana del Mar (Hispanujo) fare de Maria, filino de Marcelino de Santuola, posedanto de la bieno, de pentraĵoj montrantaj bestojn sur la roko kaj tiu eltrovo ne estis konsiderata grava, ĝis kiam en Francujo, oni eltrovis ankaŭ similajn pentraĵojn sur roko. Tiuj pentraĵoj, certe mirindaj, havis supernaturan kaj religian karakteron, ĉar tiamaniere, laŭ la penso de la pentristoj oni povis ĉasi multajn bestojn kiel tiujn pentritajn aŭ havi povon super ili, pro tio la pentraĵoj pri homoj estis krokizataj.

Li daŭrigis menciante ke en la egipta religio, la dioj havis bestajn kapojn kaj homajn korpojn kaj la gravuraĵoj de la malnova Egiptujo havas similecon al la gravuraĵoj de la antaŭkolumba epoko.

Li menciis ankaŭ la rolon kiun la bestoj ludis en la fabeloj, kiel tiu de Ezopo kaj La Fontaine, kaj en la serio de desegnifilmoj de Walt Disney. Finante sian paroladon, li menciis kelkajn mitologiajn bestojn kiel la unukornulon, neniam ekzistintan, sed nur en kelkaj blazonoj kiel tiu de Britujo. La teknikaj malhelpaĵoj, ĉefe kiam oni projekciis lumbildojn, malhelpis D-ron Stop Bowitz, kiu, pro sia interesa prelego, ricevis tondran aplaŭdon.

Postagmeze, mi faris la rondveturadon tra Antverpeno kiu ne plaĉis al mi, ĉar pro nekonataj cirkonstancoj, en neniu momento ni rajtis malsupreniri de la buso por foti aŭ vidi la belajn konstruaĵojn. Vespere en la Katedrala Placo ni ĉeestis kariljonkoncerton, sed la malvarmo kaj la bruego de la multnombraj personoj en la Placo kaj ĉirkaŭaĵoj, estis baro por bona aŭskultado. Hazarde, en la Placo, ni renkontiĝis kun pola sami-




**La hungaraj samideanoj informante pri la venonta Kongreso (Foto A. Fighiera).**

deano, kiu ĝentile invitis nin al la Pola Centro en Antverpeno kie mi, kun aliaj gesamideanojn ĝuis tre agrablajn momentojn.

La 27-an, mi ĉeestis kunvenon de I.K.U.E. (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista), kie Pastro F. Gruic el Jugoslavio informis i. a. pri la okazinta Kongreso en Lille (Francujo), kaj pri la intenco eldoni librojn inter ili la Historion de I.K.U.E. kaj kunlabore kun K.E.L.I. «Ekumenan Novan Testamenton». En la sama kunveno oni parolis pri la okazigo de I.K.U.E. Kongreso venontjare en Romo, kaj kelkaj ĉeestantoj opiniis ke ĝi iras kontraŭ la normala sinsekvo de tiuj Kongresoj.

Posttagmeze kaj vagonare mi ekskursis al apuda vilaĝeto LIER, kaj tie mi havis eblecon interparoli kun la ĉina delegacio. La ekskurso estis ege bone organizita kaj permesis al ni vidi la plej interesajn konstruaĵojn. Samtage aliaj gesamideanoj iris al Bruselo kie ili vizitis la Ekonomian kaj Socian Komitaton de la Eŭropa Komunumo, kie ili estis informataj pri la historio kaj funkciado de tiu grava organizo.

Revenante Antverpenon, mi iris al la Urbodomo en kies Salono, bone ornamita per murpentraĵoj kiuj rilatis kun la historio de Antverpeno, ni estis akceptitaj de la skabenino pri Kulturo. Pri la pentraĵoj de la salono, bone klarigis al mi S-ro De Smet. Post la akcepto en la Urbodomo, ni revenis ĝis la kongresejo kun la fama bulgara baritono Veselin Damjanov, kun kiu ni parolis pri ebla organizado de turneo tra Hispanujo.

La merkredo estas tradicie dediĉata al la ekskursoj kaj ĉijare estis por ĉies gustoj kaj deziroj. Ni partoprenis en tiu al Bruĝo, kaj oni kondukis nin al la Urbodomo, kie ni estis oficiale akceptitaj kaj al aliaj interesaj artkonstruaĵoj kiel la Baziliko de la S-ta Sango; la Beginejoj; la katedralo, k.t.p.

Samtage en la antverpena teatro Arenberg mi ĉeestis la teatran prezentadon de la verko Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'profeto? originale verkitan hungare de Janos Elem kaj lerte tradukitan esperantlingve de Vilmos Benczik. La teatraĵo, kiu prezentas la problemojn de turistoj en neordinaraj cirkonstancoj, estis bone ludata de profesiaj hungaraj artistoj kiuj atingis bonan sukceson. Notinde estas ke la unua aktorino montris krom sia lingva kapableco la belecon de sia korpo, en bikino, kiu ne estas oftaĵo en la esperantaj teatroj.

Jaŭde, vespere, mi partoprenis en la Internacia Muzika Vespero okazinta en Salono Zamenhof. Post la ludado fare de la kvarteto Arriaga el Belgio, de la komponaĵo de la hispana komponisto J.C. Arriaga titolita «Tria Arĉkvarteto», oni havis la plezuron aŭskulti la belan kaj karesan voĉon de la ĉina artistino Qui Zimin, kiu kantis plurajn ĉinajn kantojn, plejparte en Esperanto. La unuan parton fermis la jam konata kaj fama bulgara baritono Veselin Damjanov, kiu kantis plurajn popularajn ariojn de opero kaj operetoj, kiuj ege placis al mi. Por tiuj kiuj jam aŭdis iam la belan voĉon de tiu granda artisto, kaj por tiuj kiuj nur legis aŭ aŭdis pri li, mi rekomendus aĉeti unu aŭ plurajn el la diskoj kun kantoj de Damjanov, kaj kiujn al via dispono havas Libroservo de H.E.F. La dua parto, bedaŭrinde, ne havis tiel altan artnivelon kaj la fino kun la Ĉambra Miksita Koruso de Bulgarujo, eble pro manko de necesa nombro de voĉoj, ĉefe viraj, ne estis, malgraŭ la bonvoleco de la gekantistoj, inda broĉo por tiu vespero, kiu tamen estis bone akceptata de la ĉeestantaro kiu malavare premiis per tondra aplaŭdado la geartistojn. Al la prizorgontoj de

artaj aranĝoj mi konsilus ne permesi la eniron de gekongresanoj en la salonon dum ludado de la muzikistoj, ĉar tio ĝenas la publikon kaj la artistojn mem.

Vendrede, aŭtobuse, mi vojaĝis al Loveno, kaj antaŭ ol atingi tiun faman urbon la tuta ĉeestantaro gustumis tipan pladon «Cikorio kun ŝinko». Fine, kiel ĉio en la vivo, venis la sabato kaj kun ĝi la tago de la Fermo, kiu pro manko de la koncerna prizorganto estis ege longa kaj teda. Fakte, ni devis longe atendi ĝis kiam tiuj omaĝintoj, pro iu aŭ alia kaŭzo supreniris la podion. Tiel longa kaj eĉ longega vico da gratuloj fare de la Prezidanto de U.E.A., kaŭzis ke li fermis la Kongreson antaŭ la kantado de nia Himno «La Espero».

La belgaj ĵurnaloj, tiel en flandra kiel en franca lingvo, bonege informis pri la Kongreso, kiel bone atestis la diversaj eltranĉaĵoj pendigitaj ĉiutage en taŭga loko de la kongresejo.

La gekongresanoj estis ege bone informataj ne nur pri la kongresaj ŝanĝoj, sed ankaŭ pri aliaj interesaj novaĵoj dank'al la ĉiutaga eldono de «**Heroldo de Esperanto**», kiu, laŭ mia opinio, estis la plej bela kongresinformilo ĝis nun eldonita, kaj kiu devas esti imitata en venontaj kongresoj. Al tiuj kiuj faris la eblon por ke ĝi estu realaĵo, mian plej koran dankon, speciale al la redaktorino S-ino Ada Fighiera kiu multe laboris dum la kongressemajno por doni al la gekongresanoj tiel valoran informilon.

Dum la Kongreso mi disdonis inter gekonatuloj kaj altranguloj de la Internacia E-Movado, la libron eldonitan de la Grupo «Frateco» de Zaragoza pri la venontjara Hispana E-Kongreso. Pro ĝia bela aspekto kaj enhavo, multaj gekongresanoj laŭdis ĝin.

Resume, la U.K. en Antverpeno, malgraŭ la mankoj kiuj ĉiam estas en ĉiu homa laboro, des pli ke la organizantoj ne estas fakuloj, bone sukcesis kaj mi certe memoros pri la agrablaj tagoj pasigitaj tie.

L. HERNANDEZ



**Prezida tablo dum la fermo de la Kongreso (Foto A. Fighiera).**

# 34-a KONGRESO DE I.F.E.F.

## BALATONFURED (Hungario) 2-a ĝis 8-a de Majo 1982

Plensukcese okazis ĉi laborista kongreso de Esperanto, kiu iĝis sub la baza principio «La Kongreso estu la Kongreso de la Junularo kaj Paco».

Preskaŭ 700 gekongresanoj, el pli ol 22 landoj, partoprenis en la kongreso, inter ili 57 hispanoj.

La kongresejo en Balatonfured ĉiam estis plena da bruo: laborkunsidoj, amikrondoj, fratkontaktoj. La kongresa programo disvolviĝis en ordo en la tre bela kaj konforta ejo de la Instrua Centro de la Hungaraj Sindikatoj. Danke al la plena laborado de L.K.K. kaj siaj helpantoj, ĉiam sindonemaj, ni povis ĝui la plej agrablajn kaj instruajn kongrestagojn.

En la «Balatona Galerio» oni inaŭguris E-ekspozicion tre interesan; plie, la Amatora Belarta Rondo de la budapeŝtaj fervojistoj montris kelkajn belajn pentraĵojn kaj statuojn.

Dum la kongreso okazis lingvokurso, gvidata de klera profesorino Eva Farkas Tatár, kun la ĉeesto de tridek gepartoprenantoj el 12 landoj; inter la ok gelernantoj de nia lando kiuj ekzameniĝis, kataluna samideano atingis «Diplomon» kun kvalito **eminenta**, de la landa Ekzamena Komitato de Hungara Esperanto-Asocio. Oni disdonis du tre interesajn bultenojn kaj organizis 4 belajn ekskursojn: vesperan tra la Balatonlago. Duontagan al Herend-Veszprén kaj Tihany. Tuttagan al Zanka, Keszhely kaj Heviz. En Zanka ni vizitis la Pionir-urbon kaj en Herend la porcelanfabrikon.

Okazis prelegoj de: Bernard Golden «Arkeologiaj demandoj de Balaton kaj ties regionoj». D-ro Ferenc Jáki «Balatonfüred kaj la literaturo». Inĝ. István Gulyas. prez. de L.K.K. «La estonto de la Eŭropaj Fervojoj kaj la rolo de Hungaraj Statfervojoj».



**Kelkaj gepartoprenantoj en la IFEF Kongreso.**

Oni regalis nin per koncerto de la Simfonia Orkestro de Ŝtataj Fervojoj, gvidata de ĝia direktoro Geza Oberfrank.

Nelacigebla, senlaca, estis la gastemo de niaj karaj hungaraj gesamideanoj: ĉiuj el ili laboregis por ke nia restado apud la «hungara maro». estu feliĉa, agrabla kaj kulturfruktodona.

La 7-an de majo okazis la adiaŭa vespero kaj fine ni plantis arbeton en angulo de la ĝardeno de la hotelo Szot kaj aliaj samideanoj el diversaj landoj partoprenis la simbolan plantadon.

La 8-an kaj 9-an de Majo disvolviĝis la Postkongreso en Budapeŝto: kroma trajno de Balatonfured al la ĉefurbo, vizito en Nacia Muzeo, hungareca vespermanĝo kun ciganmuziko, nokta urbvizitado, florkronado sub la pluvo en la tombo de Julio Baghy, kiu estis tre kortuŝa ceremonio.

El Balatonfured kaj el Budapeŝto ni kunportis ĉe ni la amikecon kaj la amon de la samideanaro el tiu granda popolo hungara.

Gloron al 34-a Kongreso de IFEF!!

Ĝis venonta jaro en la belgia Ostendeurbo, ejo de la 35-a Kongreso de IFEF!!

**Rafael Devis**

# INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE ESPERANTO

## (Loveno, Belgujo) Aŭgusto 1982-a

Kiel juna esperantisto kiu antaŭnelonge komencis labori ene de esperantaj organizoj, la Internacia Junulara Kongreso de Loveno fariĝis la unua internacia Esperanto-aranĝo kiun mi partoprenis for de Hispanujo. Pro tio mi ne povas kompari ĝin al antaŭaj similaj aranĝoj kaj mia opinio iĝas malmulte valora; tamen, mi esperas ke tiu-ĉi artikolo taŭgos por iomete bildigi al vi la etoson kaj la finajn rezultojn de tiu evento.

La internaciaj junularaj kongresoj enhavas tri specojn de aranĝoj. La unua estas kulturaj aranĝoj konsistantaj el prelegoj kaj interparoladoj pri iu specifa temo. Ĉi-jare la kongresa temo estis «Scienco kaj Socio». Mi povis partopreni en interesaj prelegoj pri la temo kun fina interparolado en kiuj popollingve, sed profunde, oni traktis ĝin. Ĉefe elstaris la paroladoj de P. de Smet kaj I. Tarrant kiuj, respektive, prelegis pri «Lingvo kaj Komputoroj» kaj «Kio estas Scienco?» Krom tio okazis diversaj naciaj kulturaj manifestacioj, el kiuj mi prefere ŝatis tiun pri la japana religio Oomoto.

La dua temas pri la organizaj kunsidoj de T.E.J.O. Ĉiujare kunvenas dum la Kongreso la T.E.J.O.-komisiono kaj diversaj komisionoj. La komitato voĉdonis pri ŝanĝo de regularo kaj elekto de novaj komitatanoj. La revua fako sin montris tre densa je konversacioj, ĉefe pri la estonteco de la gazeto «Kontakto» kaj pri la aperigo de nova organo «TEJO-Tutmonde».

De antaŭ kelkaj jaroj H.E.J.S. ne sendas oficialajn reprezentantojn al tiuj kongresoj. Tamen, finfine post ĝia reorganizo, ĝi estis reprezentita tie kaj havis la eblecon rekte starigi pli fortajn rilatojn kun TEJO kaj aliaj organizoj. La hispana komitatano de TEJO, C. Moya kaj mi partoprenis ĉiujn kunsidojn. Krome, ni ambaŭ parolis kun la prizorgantoj de la internacia revuo «Koncize» por la partopreno de HEJS en tiu gazeto. Post novembro kaj laŭ kontrakto kiun mi mem subskribis en Loveno, Hispanujo havos en tiu revuo unu paĝon kiu taŭgos ne nur por diskonigi nian agadon eksterlande, sed ankaŭ kiel komunikilo por nia propra membraro (tiu gazeto estas sendata de HEJS al siaj membroj).

La cetera speco de aranĝoj estas la amuzaj, kiuj okazis ĝenerale vespere. Ni povas elstarigi tri spektaklojn: la flandran foiron, la teatran prezentadon, kaj la internacian vesperon. Ĉiu spektaklo okazis en tendego en kiu oni povis ĝui ĉiam tre junan kaj amuzan etoson.

La flandra foiro konsistis el tipaj dancoj kaj kantoj de la regiono. En la komenco ĝi okazis ekstere kun la patopreno de la ĉeestantoj, sed la pluvo ne permesis ke ni restu tie, kaj ni devis rifuĝi en la granda tendo, kie la spektaklo plu daŭris. La teatra prezentado, certe, havis altan kvaliton; la franca duopo «La Krizalido» ludis la verkon «Ĉu Dio bojas?» kiu vere plaĉis al la spektantoj. Fine, la plej amuza estas la internacia vespero, dum kiu kongresanoj el diversaj landoj prezentis «pikantan» kanton «La Maŭrumado-n» kaj poste montris la ellaboradon de tipa galega trinkaĵo nomata «Queimada», kiu estis disdonita al la ĉeestantoj. Fine, okazis kataluna vespero konsistanta el bela fajrfesto kun demonoj kaj drako.

Certe, okazis multaj aliaj interesaj aranĝoj, sed miaj vortoj eble ne kapablas rakonti al vi ĉion. Oni devas partopreni la kongreson por vere ĝui la etoson; tamen, per ĉi tiu artikolo mi iomete informis vin pri la evento.

MIGUEL A. SANCHO

# La 8-a IK de NEM

De la 31-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto 1982-a, organizite de Hispana Esperanto-Muzeo, okazis en Vilafranca del Penedés (Barcelono), la 8-a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado.

Krom la laŭprogramaj vizitoj al Barcelono, Montserrat, Sitges kaj Sant Pau d'Ordal, kaj ankaŭ la tre favora akcepto, kun delikata regalado, fare de la Urbestraro de Vilafranca del Penedés, la partoprenantoj precipe ĝuis serion da interesaj prelegoj, kiuj daŭre tenis ĉies atenton. Jen la temoj kaj iliaj prelegintoj: «Science ĝusta prezento de Esperanto» (prof. d-ro Ivo Lapenna); «Dezirinda karaktero de informado pri Esperanto» (prof. Jean Thierry); «Konfliktoj en Internacia Lingvo» (Salvador Guma) kaj la «Internaciaj Floraj Ludoj, kiel modelo por 1987-a» (Gabriel Mora i Arana), legita de Rafael Devis, pro ne ĉeesto de la aŭtoro.

La Konferenco rezoluciis, inter aliaj aferoj, plu daŭrigi la organizadajn kontaktojn kun UEA kaj la ceteraj Esperanto-organizaĵoj, por la Jubilea Centjareco de la Internacia Lingvo, komune solenota en la 1987-a jaro, al kio la Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado (=ICNEM), alportos sian maksimuman apogon.

Oni aparte aprobis, ke «Horizonto»-n, la ICNEM-organon, de nun kunredaktos trimembra skipo, laŭ alfabeta ordo, nome: Salvador Guma, prof. d-ro Ivo Lapenna kaj prof. Jean Thierry.

Fine, oni interkonsentis okazigi en Graz (Aŭstrujo), venontjare, la 9-an Internacian Konferencon de la Neŭtrala Esperanto-Movado.

Televido, radio kaj gazetaro simpatie reportis pri la Konferenco. Plie, tre interesajn intervjuojn al prof. d-ro Ivo Lapenna diskonigis Radio Barcelona kaj la katalunlingva ĵurnalo AVUI (=Hodiaŭ).

La loka ŝpara institucio «Caixa d'Estalvis del Penedés», krom bela aŭditorio, ankaŭ afablis disponigi apudan salonon, kie estis oficiale prezentata la migranta Esperanto-ekspozicio de CENTRO DE ESPERANTO SABADELL.

**Raportis: V. Hernández Llusera**

# Notas de interés para todos los federados

## MODIFICACIONES AL DIRECTORIO

### ALTAS

BADAJOZ 2.634.—Gallego Real, Angel Luis. Arias Montano, 5 2º drcha.
BARCELONA 2.642.—Estruch, Maria Angeles. Pº San Juan, 192, d.p. 37.
CORDOBA 2.635.—Ariza López Mateo, Rocio del Mar. Joaquín López Huici, 14.
GRANADA 2.639.—Flores Contreras, Juan. Alférez Provisional, 26 1º C, d.p. 5.
PALMAS DE GRAN CANARIA (Las) 2.636.—Arancibia Alamo, Julio. Pza. Obispo Frías, 3.
SEVILLA 2.638.—Márquez de la Vera, Victoriano. Aguamarina, 1, d.p. 9.
CHESTE (Valencia) 2.640.—Grupo Zamenhof. Universidad Laboral.
SUMACARCEL (Valencia) 2.641.—Sancho Galdón, Federico. Calvario, 8.
ZARAGOZA 2.637.—Garcés Puyuelo, José Vicente. Marqués de Ahumada, 14, d.p. 7.
MARBELLA (Málaga) 2.644.—Rodríguez, María de los Remedios. Los Naranjos, 3 nº 2.
CHIPIONA (Cádiz) 2.645.—Moreno Cascón, José María. Avda. Diputación Bloque X, 3º A.
ALCALA LA REAL (Jaén) 2.646.—Bravo Lupiañez, José Ignacio. Alonso Alcalá, 3.
ALGECIRAS (Cádiz) 2.647.—Ferreras Chasco, Gregorio. Farmacéutico Miranda, 17.
SANT QUINTI DE MEDINA (Barna) 2.648.—Pinyol i Sabater, Joan. Pau Casals, s.n.

### CAMBIOS

BARCELONA 1.980.—Gispert Lluch, José. Plaza Rius y Taulet, 11, 1º, d.p. 12.
TARRASA (Barcelona) 1.001.—Ballbe Salas, José. Agricultura, 84.
MADRID 2.616.—Bueno Sequera, Jorge. Conde Peñalver, 82, d.p. 6.
LA LAGUNA (Tenerife) 1.712.—Palmero Pérez, José. Esperanto, 3, 3º Ed. Tukan B.5.
SANTANDER 2.420.—García Díez, Emilio. Gral. Dávila, int. 268; Bloque AVICHE 2º C.
VALENCIA 1.314.—Olmos Villalba, María de los Desamparados. Don Juan de Austria, 4-144-a d.p. 2.
BURGOS 1.561.—González Cantero, Pedro. Barrio del Pilar, 1-1º B.
VALLADOLID 2.516.—Madrazo Escolar, María Martina. Parque Arturo de León. Dr. Moreno, Bloque B-3-1º A.

### OMITIDOS

MADRID 2.608.—Millán Santamaría, Natividad. Leganés, 12; d.p. 7.
SABADELL (Barcelona).—Hispana E. Asocio «Antón Balagué». Font Nova, 32.
BILBAO 1.131.—Liceranzu Ortega, Juan. Pintor Aurelio Ortega, 3-3º B; d.p.

---

**NOTA**.—En Boletines sucesivos, cuando hubiese modificaciones, se publicarán, para que todos los socios puedan poner al día su Directorio.

# SCIU KE...

Okaze de la Universala Kongreso estis disdonita inter la komitatanoj, la unua ekzemplero de «Esperanto kaj Parlamento», bulteno de la Inter-Parlamenta Esperanto-Grupo, eldonita en la franca, angla kaj esperanta lingvoj.

En la maja numero de la bulteno «Teresa de Jesús», oni publikigis noteton pri la aperigo en pasinta BOLETIN de artikolo pri Sankta Tereza.

Jus aperis «SFEROJ», sciencfikcia libro eldonita de «Eldona Fako de H.E.F.» kaj presita ĉe «Gràfiques El Tinell», Barcelono. Kompilanto: Miguel Gutiérrez Adúriz, de «Grupo Nifo». Prezo, 500 p-toj. Mendu ĝin ĉe Libroservo de H.E.F.

## DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispanaj geknaboj pri sporto kaj literaturo, F-ino Blanka Fialová Dobřice 297; 67.182 ZNOJMO (Ĉehoslovakio), ŝi kolektas glumarkojn, b.k. kaj p.m.

S-ino Mery Ramos Rojas; Enrique Mazaret, 15; REMEDIOS VILLA CLARA Ŝi estas nova esperantistino el Kubo.

Kun hispana aŭ portugala filatelisto por interŝanĝo da poŝtmarkoj, longjara kaj sperta esperantisto, D-ro Erich-Dieter Krause; Semmelweisstr. 7; D D R-7.010 LEIPZIG (G.D.R.).

15 jaraĝa lernanto, komencanto kun hispanaj geknaboj. S-ro Helmut Wöginger, Wilhelm-Gösser-G, 13; 8.047 GRAZ (Aŭstrio).

24 jaraĝa hakisto, kun gesamideanoj (20-35 jaraĝaj), pri diversaj temoj, speciale pri moderna muziko, S-ro Karel Krejca; Pod Hybšmankou 2346/17; CS-15000 PRAHA-5-Smichov (Ĉehoslovakio).

## NEKROLOGOJ

Lasttempe ni ricevis informon pri la forpaso de la membro de la Hispana Esperanto-Federacio, S-ro Juan Collado. Pace Ripozu.

Samideano **Joan Sala Campamà**, 67-jara, HEF-ano, FD de UEA en Sabadell, tre entuziasma esperantisto jam de antaŭ nia intercivitana milito, subite mortis pro embolo, la 28-an de oktobro 1982-a. Ĉe la niĉa entombigo de lia ĉerko - kovrita per verda standardo kun la inicialoj SAT kaj MEM, kaj ankaŭ per florkrono, ofere al li de «Centro de Esperanto Sabadell - faris nekrologan paroladeton s-ro Oriol Civil, loka Urbokonsilanto pri Kulturo. Tuj sekve, paroladis, nome de ĉiuj esperantistoj, s-no Luis Serrano, kium unue kastililingve kaj poste en Esperanto, esprimis sian malĝojon pro la forpaso de vere nobla amiko kaj senkondiĉa kunlaboranto, kiu ja estis samideano Sala, (en paco ripozu).

Al lia edzino Karmena, gefiloj, nepino kaj cetera familio, nian sinceran kondolencon.

**V. Hernández Llusera**

# 42-a Hispana Kongreso de Esperanto

## CONCLUSIONES

1. Recomendar que a partir del próximo Congreso, exista en todos ellos un tema central que se procurará coincida con el proclamado por la UNESCO u otras organizaciones internacionales para el correspondiente año.
2. Instar a los Grupos Esperantistas y a los socios individuales a que apoyen por todos los medios, incluido el económico, la labor de la Sección Juvenil.
3. Procurar adaptar los métodos de enseñanza del Esperanto a las nuevas técnicas didácticas.
4. Informar a los organismos oficiales correspondientes para que consideren el Esperanto con el mismo valor que cualquier otro idioma a todos los efectos.
5. Solicitar del Ministerio de Educación y Ciencia la actualización y matización del R.D. de 1.911 por el que se considera al conocimiento del Esperanto como mérito oficial.
6. Considerando que la paz es esencial para el progreso del Esperanto, instar a los esperantistas a participar en cuantas actividades conduzcan a la consecución de la misma.
7. Instar a los esperantistas a que participen activamente en la tarea de difundir, por todos los medios a su alcance, el Esperanto.

## KONGRESAJ KONKLUDOJ

1-a.—Rekomendi ke en ĉiu sekvonta Kongreso estu centra temo kongruanta kun tiu samjara proklamita de UNESKO aŭ aliaj Internaciaj Organizoj.
2-a.—Urĝi la Esperantistajn Grupojn kaj individuajn membrojn ke ili apogu per ĉia rimedo, inkluzive per mono, la laboron de la Junulara Sekcio.
3-a.—Klopodi adapti la instrumentodojn de Esperanto al la novaj didaktikoj.
4-a.—Informi la oficialajn instancojn por ke ili konsideru Esperanton samvalora kiel iu ajn alia lingvo, por ĉia celo.
5-a.—Peti la Ministerion pri Edukado kaj Scienco, aktualigi kaj detaligi la Reĝan Dekreton de 1.911-a laŭ kiu oni agnoskas la scion de Esperanto kiel oficialan meriton.
6-a.—Konsiderante ke la paco estas esenca kondiĉo por la progreso de Esperanto, kuraĝigi la esperantistojn partopreni en agadoj kondukantaj al ĝia efektiviĝo.
7-a.—Admoni la esperantistojn ke ili partoprenu aktive la disvastigon de Esperanto, per ĉiu ebla rimedo.